昭和七年一月十二日第三種郵便物認可（毎月一回一日發行）

# エスペラント

# LA REVUO ORIENTA

十二月號

Jaro 20 N-ro 12



Decembro 1939

# 財團法人 日本エスペラント學會發行圖書

内外發行エスペラント圖書のくはしい目錄は往復はがきでお申込み次第お送りします

## 學習書・教科書・辭典

| 書名 | 内容 | 定價 | 送料（圓） |
|---|---|---|---|
| エスペラント捷徑 | 多少外國語の素養ある人のため最良の獨習書 | 0.50 | 6 |
| エスペラント講座 | 外國語を全然知らぬ人にABCから教へる講座 | 0.50 | 6 |
| エスペラント案内 | エスペラントとは何かから始め文法全般まで | 0.30 | 3 |
| 新撰エス和辭典 | 語數豐富，譯語正確 携帶至便 上 0.80 6 並 | 0.60 | 6 |
| 新撰和エス辭典 | 見出語數6萬，出典明示，附錄豐富，印刷鮮明 | 2.50 | 6 |

| 書名 | 定價 | 送料 | 書名 | 定價 | 送料 |
|---|---|---|---|---|---|
| 點字エスペラント文法と小辭典 | 1.00 | 6 | エスペラントの鍵 | 0.05 | 3 |
| エスペラント初等讀本 | 0.30 | 3 | エスペラント講習用書 | 0.30 | 3 |
| エスペラント中等讀本 | 0.30 | 3 | エスペラント短期講習用書 | 0.20 | 3 |
| エスペラント童話讀本 | 0.20 | 3 | イソップ物語 深切明快・脚註付 | 0.25 | 3 |

| 書名 | 内容 | 定價 | 送料 |
|---|---|---|---|
| ザメンホフ讀本 | ザ著作拔萃 I 飜譯篇，II 原作篇，III. ザメンホフ論 | 各 0.20<br>合巻 0.50 | 6 |
| エスペラント醫學文範 | 醫學論文の好模範，醫學生の講習會用に最好適 | 0.40 | 3 |
| エスペラント文例集 | 重要單語 720 造語例文例 0.80 6 函入カード版 | 1.50 | 14 |
| 新撰エスペラント手紙の書方 | 例文豐富，書翰百科辭典の觀，370 頁 | 1.20 | 10 |
| エスペラント日記の書方 | 365日 1日1例文，社會萬般の記錄，譯註付 | 1.20 | 9 |
| エスペラント發音研究 | エスペラント發音上の疑問の點は何でもわかる | 0.30 | 3 |
| リングヴァイ・レスポンドイ | ザメンホフの質疑應答集，學習者必備の書 | .50 | 6 |

## エスペラント文庫

ザメンホフの生涯 0.40 6　國際通信の常識 0.50 3　エスペラントの會話 0.40 3

## エスペラント文藝讀本

| 書名 | 内容 | 定價 | 送料 | 書名 | 内容 | 定價 | 送料 |
|---|---|---|---|---|---|---|---|
| スラヴ篇 | ツルゲネフ，チェホフ | 0.25 | 3 | フランス篇 | ドーデ，ユーゴー等 | 0.25 | 3 |
| 沙翁悲劇篇 | ハムレット他 3 | 0.30 | 3 | 北歐篇 | 付「アンデルセンとZ」 | 0.30 | 3 |

## 對譯詳註書

| 書名 | 内容 | 定價 | 送料 | 書名 | 内容 | 定價 | 送料 |
|---|---|---|---|---|---|---|---|
| マテオ・ファルコネ | メリメ作 | 0.30 | 3 | 代理通譯 | ベルナール作 | 0.30 | 3 |
| ハイネ詩集 | 珠玉の詩 40 篇 | 0.30 | 3 | 魔法使 | ザイデル爐邊物語から | 0.30 | 3 |
| レイモント | 篇集 2 篇 | 0.30 | 3 | エスペラント童話集 | | 0.70 | 3 |

愛あるところ神あり　トルストイ作。附「エス語研究書解題」。282頁　1.50　9

## エスペラント書き文獻

日本書紀　I 神代記・神武天皇紀 II 綏靖天皇紀——應神天皇紀 III 仁德天皇紀——宣化天皇紀 IV 欽明天皇紀——皇極天皇紀 I, II, III 各 1.20 9　IV 1.80 10

| 書名 | 著者等 | 定價 | 送料 | 書名 | 著者等 | 定價 | 送料 |
|---|---|---|---|---|---|---|---|
| 惜しみなく愛は奪ふ | 有島武郎著 | 0.75 | 6 | ヴェルダ・カルト | 石原榮三郎作 | 1.0 | 6 |
| 中村博士遺稿集 | 原作 翻譯 | 0.70 | 6 | 海神丸 | 野上彌生子作 | 0.40 | 3 |
| 東洋の俠血兒 | 長谷川伸作 | 0.45 | 6 | 倫敦塔 | 夏目漱石作 | 0.15 | 3 |
| 霧の中 | 山本有三作ラジオ劇 | 0.15 | 3 | 日本民族の起源 | | 0.10 | 3 |
| 佛說阿彌陀經 | | 0.15 | 3 | 日本小史 | 野村佐一郎著 | 0.20 | 3 |
| 大學中庸 | 特 0.75 6 並 | 0.60 | 9 | 孝經 | | 0.30 | 3 |

歐羅巴親類廻り　上 0.95 1　並 0.85 10　國語擁護を論じて國際語に及ぶ　0.20 3

本鄉元町1丁目・振替東京11325番

エスペラント
LA REVUO ORIENTA
• Decembro 1939 •

表紙: El la japana arkitekturo — Komunuma halo de Tokio
扉: 三宅史平・ザメンホフ祭をまえにして
Ŝ. Mijake: Ĉu forgesi Zamenhof-on?

# LA ENHAVO

# エスペラント

## 十二月號

### ザメンホフ祭をまえにして

徳の高い帝王があらわれて世のなかが非常によく治つていたとき，天下の民は，腹を鼓ち，壤を撃つて，その平和を祝い，「世のなかが，このように穏かであり，食物も豐かにあるからには，われわれに帝王は不必要である」と歌つたとゆう。

最近，あたらしくエスペラントを學びはじめるひとびとのなかには，それの創案者の名まえを知らぬものがある。また學會の會員の數が，日本のエスペラント普及狀態の，あきらかなバロメーターであることは，すでに過去のこととなつた。

これは，エスペラント運動が，たしかに，それの發展の，ある段階に達したことを物語るものである。

かくて，エスペランティストがザメンホフを忘れ，日本にエスペラント學會が必要でなくなる時が來るならば，それは，エスペラント運動が，その目的を遂げたときであつて，われわれは，その日が1日も早く來ることを望むものである。

このごろ，往々にして「ザメンホフを忘れよ」とゆう聲を聞くことがある。これが「鼓腹撃壤」のひとびとのあいだから聞えて來るならば，はなはだ結構なことである。だが，はたして，今日のエスペラント普及のありさまは，その段階にまで行きついているであろうか。まことに殘念ながら，わたくしは，「しかり」といい得ない。

「ザメンホフを忘れよ」とゆう聲のよつて來るところを，だから，われわれは，そのほかに求めなければならない。この動機を，ポーランドの詩人 Leo Belmont は，"Ora Libro" のなかに，逆說をもつていいあらわしている。

「ザメンホフは天才であつたが，おうきな誤りを犯している……それを，かれは，生れるに先つて犯している……それは，かれが，ヘブライ人の家に生れたことである……かくて，ヘブライ人に對するあらゆる非難が，かれのなかまのうえに落ちかかつて來た……」。

われわれ日本のエスペランティストはさいわいにして，人種的偏見をもたない民族のなかに生れあわせて來た。さらにわれわれの聰明な民族は，エペスラントを，つぎのように理解することができる。

ザメンホフがエスペラントを創案した動機がなにであるにしろ——われわれはひとつの高い精神と見るのであるが——それは，發明以前のものであり，すでに創案されたエスペラントは，汽車，汽船とおなじように，それ自身には精神のない交通機關のひとつにすぎない。したがつて，エスペラントは，これを巧みに用いる社會に利益をもたらし，これを用いぬ社會は相對的に損をするであろうと。

だから，われわれ，日本のエスペランティストは，ザメンホフの名を，はばかりなく讃えてよい——1 人の天才的發明家として。また，その發明のゆえに，それの動機となつた，かれの精神にふかい敬意を忘れまい。同時に，エスペラント學會を一層もりたてなければならない——われわれの子孫が，ほんとうに鼓腹撃壤して，エスペラントの創案者を忘れ，エスペラント學會の存在を必要としなくなる日を1日もはやく來させるために！

三宅史平

HINO-ASIHEI

# Suĉinfano sur la Batalkampo

*—El "La Tero kaj Soldatoj"—*

Ni domaĝe perdis unuagradan soldaton Tanimura en tiu ĉi kava loko. Li estis pafita en la momento, kiam li levis sin de la tero por iri kiel heroldo interkomunikiĝi kun la antaŭgvardio. Ĝis kiam li ricevis la ordonon, li laŭte babiladis kaj ridadis kun kaporalo Kobayasi manĝante fabojn. Mi estis tuj proksime de li, kiam li estis pafita. Soldato stranta apude tuj ĉirkaŭprenis lin glite falantan, demetis liajn ekipaĵojn, debutonumis la uniformon, kaj nudigis la bruston. Flegsoldato Yano fluge venis vadante riverbraketon.

La kuglo trafis lin ĉe la malsupra ventro. Li suferis, kriegante: "Ho, varmege, varmege!" Kaj kiam oni ektuŝis lian korpon, li laŭte kriis: "Ne surmetu tiel pezan objekton sur min!" Yano ŝtopis la vundon per gazo kaj gluplastro, kaj diris al ni, ke la vundo estas blinda, prizorgu lin ĝis li revenos kun militkuracisto, ne donu akvon, kaj li forkuris returnen trans la riverbraketo.

"Ho, Diablo!" kriis la kompatindulo, "Peze, peze! Estas letero kaj portreto en la poŝo. Mi petas al vi teni ilin." Li tiam kriis, "Lia Imperiestra Majesto vivu!" kaj lia kapo falis sur sian bruston kvazaŭ kapjesi. Sed tuj poste li larĝe malfermis la okulojn kaj demandis klare, kie estas la rotestro. La oficiro alvenis kaj forte prenis lian manon. Kugloj senĉese pasis super niaj kapoj. Tanimura turnis sin al la rotestro kaj diris: "Mi bedaŭras, sinjoro rotestro,—mi petas vin, ke... Vivu Lia Imperiestra Majesto." Vigligante sin li penegis ekstari per la tuta forto, sed vane. "Via vundo ne estas grava. Streĉu vin", lin kuraĝigis la oficiro skuante lian manon.

La vundito penis aperigi rideton sur siaj lipoj, sed mi rimarkis, ke lia vizaĝo malbele tordiĝis kaj la okuloj pleniĝis per larmoj.

Tiam Yano revenis akompanante militkuraciston. Oni alportis brankardon. Kaporalo Edamatu, estro de la anaro de Tanimura, ne estis tie; iom antaŭe li ekiris rekognoski la malamikan fronton kaj vojon.

Oni metis Tanimura sur la brankardon, kiun helpe portis ankaŭ supera soldato Nakagawa kaj unuagrada soldato Kai, kaj ĉe la signalo, "ekkuru!", ili ensaltis sub la kuglojn. Oni neniel povas atingi la malantaŭan bandaĝejon ne malŝirmante sin kontraŭ la malamikaj kugloj; ni fikse rigardis ilin. Grupo

da soldatoj portantaj la brankardon, kiel unu tragika besto, kuregis for sub la kugloj, malproksimiĝis kaj malaperis el nia vido.

Post ĉirkaŭ unu horo la soldatoj, kiuj iris al la bandaĝejo, revenis kaj informis kun malgajaj mienoj, ke a batalkamarado baldaŭ mortis, kiam ili atingis la bandaĝejon.

La pafbruoj ne ĉesis dum longa tempo kaj la kugloj tiel abunde flugis super ni, ke ni ne povis levi eĉ la kapon el la digo.

Aeroplanoj rondflugis kaj komencis bombardi la antaŭan arbaron. Ni atendis malamikajn aeroplanojn, sed ni ne vidis eĉ unu. En la ve periĝo la malamiko iom malstreĉis sian pafadon.

Ni ekvidis 15-6 soldatojn malvigle alproksimiĝantaj de la direkto de la ponto sur la vojo laŭ la kava loko, en kiu ni kuŝis. Ili faris strangan irantaron; la unua iris japana oficiro, meze 12-3 ĉinaj soldatoj ĉiu kun la pafilo renverse sur la ŝultro, eskortitaj de antaŭe kaj malantaŭe de japanaj soldatoj. Antaŭ ĉio ni rimarkis, ke la ĉinaj soldatoj estas tre junaj kaj maldikaj. Ili preterpasis nin kaj forrapidis. Iu diris, ke la oficiro estas subleŭtenanto Maruyama.

Iom poste ni aŭdis, ke subleŭtenanto Maruyama atakis ĉinan toĉkon,* pereigis malamikajn soldatojn per mangrenadoj kaj prenis 14 militkaptitojn, sed li korŝire ploris perdinte unu el siaj subuloj.

Ni tute enuis en la kava loko, ni pasigis la tempon, aŭ dormante, aŭ manĝante batatojn, aŭ distrante nin per sensenca babilado.

Oni diris, ke la batalhaltiga trumpetado en la lasta nokto estis signalita de la Kobayasi-trupo, por eviti ke ĝiaj gardsoldatoj kaj rekognoskantoj pafus inter si.

La konstruado de ponto, malgraŭ penego de la kuraĝaj pioniroj, naskis nur pli da viktimoj kaj ŝajnis tute ne progresi pro tio, ke la punkto kuŝas sur la rekta linio de la pafado el malamika toĉko.

Komenciĝis vesperiĝi. Sub la ordono, ke ni ĉi tie bivaku, la soldatoj komencis fosi en la kava loko foson per ŝoveliloj. Kiam la suno subiris, subite nin atakis malvarmo. Kiam fariĝis mallume, ekbrilis duonluno. Ni kaŭris en la foso kiel talpoj. Longa tempo jam forpasis, kiam ni ricevis ordonon tiri nin malantaŭen, ni iris al malantaŭa vilaĝo.

La domoj estis jam okupitaj de la soldatoj de alia trupo kaj por ni, mal-

---

* **toĉko** ruslingve Точка (punkto), unuo de betonaj turoj duone subteraj, kun kanono aŭ maŝinpafiloj, punkte metitaj sur defenda linio.

fruaj gastoj ne restis loĝejo. Oni decidis, ke ni bivaku sur pajloj sternitaj inter la domoj.

Ni vidis rizherbojn amasigitaj en kelkajn montetojn da stakoj. Ili devas estis antaŭ nelonge rikoltitaj, ĉar ili ankoraŭ havas spikojn. Ni apogis nin al la monto de rizherboj kaj kovris per la rizherboj kun spikoj la tutan korpon krom la kapo. Tio provizis al ni mirinde agrablan kaj varman liton.

Sed nia restado estis tre mallonga. Apenaŭ pasis kelkaj minutoj de nia enlitiĝo, kiam al ni venis ordono, ke la unua pelotono ekiru. Ni kun kora bedaŭro forlasis la liton.

La pelotonestro iras la unua atentplene. La luno brilas kaj la nuboj kuras rapide. Mallumiĝas kiam la nuboj flugas antaŭ la luno, kaj tiam ni antaŭen marŝas kiel eble plej rapide, kaj falas teren kiam la luno reaperas.

Sed la malamiko ŝajnis rimarkinta nian moviĝon kaj komencis surŝuti nin per la kugloj. Klariĝis ilia pozicio. Ruĝaj flamoj ekflagras en la direkto de la antaŭa arbaro. Ni teren falis. La kugloj pasas super niaj kapoj. Devas ekzisti toĉko tie, kie la flamoj ekflagras.

Trupestro Arakawa restas en la toĉko, kiun okupis subleŭtenanto Maruyama, kaj ni nun iras por gardi lin.

Terenfalante kelkafoje, kiam la luno eklumis, kaj antaŭenirante, kiam ĝi kovriĝis de nuboj, ni atingis la toĉkon, kiu estis tuj dekstre de la ŝtonponto, kiun ni apenaŭ transiris. La toĉko aspektis kiel granda nigra manĵu-kuko.* Ni eniris en tranĉeon fositan ĉirkaŭ ĝi. Ĉi tio estas nia dormoĉambro hodiaŭ. La linio estas la plej antaŭa.

Kiam ni sidiĝis en la tranĉeo aŭdiĝis ĥora ĉirpado de insektoj. Estas terure solece. Ĉio estas pala kvazaŭ nebuligita. Malantaŭ la toĉko estas riverbraketo, iom fore en la maldekstro estas la ĉefvojo, kiu aspektas ĉe la luna lumo kiel blanka rivero. Mi ordonis al miaj subuloj gardi plej atenteme. En la tranĉeo estis tiel malvarme, ke la frosto penetris ĝis la ostoj de la gluteo.

Estis en la profunda nokto, kiam mi dormetanta estis vekita de supera soldato Tonari, kiu estis gardstaranta ekstere. Skuante min li flustris al mi: "Kaporalo, alproksimiĝas suspektindaj uloj."

Mi rigardis kien li montris kaj ekvidis kelkajn nigrajn figurojn senorde alproksimiĝantaj nin laŭ la vojo simila al rivero. Ili devas esti rekognosk-

---

* **manĵu-kuko** japane *manĵuu*, vaporumita kuko el faruno kun fabopasto, kun la formo de duonbulo.

antoj de la malamiko, mi pensis. Mi tamen devas certigi min kaj decidis atendi ĝis ili venos pli proksimen por ke ni povu kapti ilin. Sed subite eksplodis teruraj sonoj de maŝinpafilo kaj alflugis kugloj. Ili pasis super niaj kapoj kaj kvazaŭ frapegi trafis la remparon de la tranĉeo.

" Gardu vin " ni kriis suprizite kaj retiris la kapon en la tranĉeon. Ni tute ne povis certigi, de kie oni pafis, sed la pafado ĉesis kaj ni singardeme levis la kapon por rigardi ĉirkaŭen. La nigraj figuroj, kiujn ni vidis antaŭ momento, jam malaperis kaj vidiĝas nur la riversimila blanka vojo. Stranga maltrankvileco ekkaptis min kaj mi diris al miaj subuloj atenti ĉirkaŭon. Tute subite venis al niaj oreloj sono simila al fluto, kiu fariĝis iom post iom pli laŭta.

Ni streĉis la orelojn kaj ekaŭdis ankaŭ ĝemadon, kiu ŝajnis venanta trans la vojo. Mi ordonis al supera soldato Sirahasi iri por rekognoski. Li baldaŭ revenis kun raporto, ke tie kuŝas terkulturistoj mortaj. Laŭ li, la figuroj, kiujn ni vidis sur la vojo, estis terkulturistoj intencantaj elŝteliĝi el la batalejo profitante la noktan mallumon. Ili estis rimarkitaj de la malamiko, kiu tuj ekpafis per maŝinpafilo el la toĉko. Maljunulo mortis tuj, mezaĝa virino falis tie morte vundita, ĉe la vojflanko estas forĵetita suĉinfano.

La plorkrio de la infano fariĝis pli kaj pli laŭta kaj ne ĉesis tra la tuta nokto, aŭ laŭtiĝante aŭ mallaŭtiĝante aŭ interrompiĝante.

La malĝoja vekrio de la infaneto disgratis niajn nervojn kaj ni ĉiuj estis malgajaj. Plie al la plorado miksiĝis la ĉirpado de insektoj en la herbejo. La plorkrio, des pli kun la ĉirpado de la insektoj, igis nin vole nevole nostalgiaj. Ni fariĝis tiel sensave nervozaj, ke por forskui tian senton iu soldato komencis pafi blinde en la direkton de la malamiko, blasfemante, " Ho, diablo. Ho, diablo."

Mi eliris la tranĉeon kaj alrampas al la vojo, kie mi trovis litaĵojn kunligitajn per ŝnureto kaj korbon kun iom da mebloj. Mi rampis sur la tero orientate de la ploro.

Kiam mi alproksimiĝis, mi ekvidis klare en la lunlumo la mortantan virinon, kiu etendis siajn brakojn tien kie krias ŝia infano, murmurante kvazaŭ ŝi kantus, kaj penante karesi ĝin. Eksterordinara emocio ekfrapis min, kvazaŭ elektrobato. Mi sentis ion intense min sufokanta.

La maŝinpafilo subite ekpafis ree kaj kugloj preterflugis min. Unu el ili trafis la virinon, al mi ŝajnis. Mi ne estas certa, ĉu la malamiko trovin min, aŭ blinde pafas celante iun saman lokon, ĉiukaze mi returnis min al la tranĉeo kiel eble rapide. " Sinjoro kaporalo, estas tre danĝere eliri ", iu admonis min.

# Kalkuleraro

**Kriminala novelo**

de Werner Mischler

Lacigite Pat O'Connor faligas sian pezan korpon en la molajn kusenojn de la kupeo. Li estas sola, neniu lin malhelpas en liaj pensoj. Per la poŝtuko li viŝas la ŝviton for de sia frunto. Estis malagrablega pelĉaso, la afero kun Dick Talkott. Se nur la trajno jam ekmoviĝus! Kiel malicaj koboldoj kaŭras la minutoj senmove en la kupeo kaj ŝajnas lin algrimaci. Maltuj O'Connor vidas la stacidomon de Saint James pretergliti.

Ha... Tio estis farita. Majstre li estis farinta la aferon. Neniu kalkuleraro okazis al li. Se oni ankaŭ dekfoje pensus je li, pro la iama afero kun Dick Talkott, lia alibio lin protektos. Estis tro bone elpensite, kvazaŭ per la krajono en la mano. En Helena li estis enirinta la Sud-ekspreson, kiu veturis ĝis Saint James, por tie ĝuste ankoraŭ atingi la Pacifik-ekspreson al Frisco. Ĝuste ankoraŭ; Pat O'connor larĝe ridis. Ĉi tiu trajno veturis preskaŭ rekte al Saint James, nur en Hartford ĝi faris grandan kurbvojon, por kunpreni la vojaĝantojn el la multaj kolonioj al la Pacifik-ekspreso. De ĉi tiu malgranda stacio mallarĝrela, malmulte uzata branĉlinio kondukis rekte al Saint James, kvazaŭ desegnita per la liniilo. Ĝi alvenis duonhoron pli frue ol la Sud-ekspreso. Kaj je tio O'connor estis farinta sian kalkulon.

---

La plorkrio de la suĉinfano obsedas min, kaj kiam la pafado ĉesiĝis, mi denove elrampis el la tranĉeo, kvazaŭ mi estus tirita de ia povo nevidebla, mi havis pozon pli malaltan ol antaŭe kaj alrampis tien sur la ventro.

La mortanta virino ŝajnis tute ne rimarkinta min, kaj la infano, kiu antaŭ minutoj estis forlasita ĉe la vojflanko, estis ĉirkaŭprenata en ŝiaj brakoj. Ŝi devas esti tirinta al si la infaneton per la lasta tuta forto. Ŝi ankoraŭ murmure lulas la infaneton, sed la voĉo fariĝis mallaŭtega kaj la brakoj videble tre malfortaj. Mi disligis la litaĵojn, kaj ĉirkaŭvolvis per unu el ili la infaneton preskaŭ nudigitan kaj per la alia mi kovris la patrinon.

Sendube ŝi ankoraŭ nenion rimarkis kaj dum mi kovris ŝin kaj la infanon ŝia voĉo iom post iom fariĝis malforta.

Mi revenis al la tranĉeo, sed mi ne povis eĉ dormeti ĝis la mateno, ĉar la plorkrio alkroĉiĝis miajn orelojn. Ankaŭ la soldatoj ĉiuj estis same.

*Trad. de* MORIYAMA-*Minoru*

En Helena li aĉetis sidlokbileton al Saint James. Sur ĉi tiu estis precize presite, kiam li forveturis de tie, sur kiu sidloko li estis sidinta, do la sidlokbileto estis alibio, kian oni ne povis pli bone havi. Sur ĝi kompreneble ne estis presite, ke Pat en Hartford estis elirinta kaj ĝuste ankoraŭ povinta eniri la lastan vagonon de la branĉlinio. Dume lia sidloko ĉe la fenestro de lia kupeo en la Sud-ekspreso estis orfa, li veturis en la ŝanceliĝa, de farmistoj multuzata trajno de la branĉo al Saint James, kie li eliris en antaŭurba stacio. Duonhora antaŭesto. Sufiĉa tempo, por kvitigi la malnovan konton kun Dick Talkott. Ĉu li estis morta?

Ha...tio estis farita. En lia brustpoŝo kraketis sufiĉa bankbiletoj, por konstrui al si en fora lando novan vivon. Novan vivon ĉe la flanko de la ĉarma, blonda, ĉasta Jane. La tereno en la Ŝtatoj nun tamen estis por li tro danĝera, nun des pli, ĉar li estis aranĝinta la aferon kun Dick Talkott. Plej urĝa tempo, por fugo.

Ĉio estis preparita. Kun feliĉa rideto li pensis je sia dolĉa Jane, kiu lin atendos en la stacidomo en Frisco. La ŝipbiletoj estis aĉetitaj, la granda pakaĵaro jam sur la ŝipo. Kun tute agrablaj pensoj Pat O'Connor povis ekdormi, ja ankaŭ tion li kapablis.

Pro la bruado de la trajno, kiu veturis sur la relŝanĝiloj, li vekiĝis. Poste li faris rigardon al la horloĝo. Post kvin minutoj lia ĉarma Jane kun ĝoja ekkrio sin ĵetos en liajn brakojn. Poste rapide al la ŝipo. Kiam la serĉesploroj komenciĝos, li jam balancos meze sur la oceano. La trajno tondre alvenis en la halo.

Vane la rigardoj de O'Connor serĉis Jane. Ne, tio estus malagrable, ke ili ne renkontis unu la alian, kiam la ŝipo levos la ankrojn post kvardek minutoj. Kio okazis? Li kunpremis la dentojn. Malbenite. Li estas decida, veturi sola, tro danĝera estas la tereno de Frisco kaj ĉie por li. Li ĵetis sian malgracian korpon malbeninte en aŭtomobilon. La bruado en la strato ekŝiras je liaj nervoj, ĉe ĉiu stratkruciĝo vidante la stoikan trafikreguligan policiston li preskaŭ suferis furiozatakon. Fine la aŭto haltis ĉe la moleo. Alten suprenstaras la antaŭa parto de la japana vaporŝipo en la aeron. La falŝtuparo estas plena de hastantaj homoj, liaj okuloj streĉe serĉas Jane, homoj senhalte venas en lian rigardproksimon. Li estas meze de fluo de premantaj homoj. Subite li ekvidas sian dolĉan, ĉarman Jane.

"Jane", li vokas liberigite kaj rigardas en paron de senesperaj okuloj, kiuj lin fikse rigardas, kvazaŭ li estas fantomo.

"Jane" li ankoraŭfoje krias kaj volas alproksimiĝi al ŝi. Nun li vidas,

kial ŝi ne respondas, sed jam estas tro malfrue por li. Du viroj forlasas ŝin kaj venas al li.

"Arestita pro murdo de Dick Talkott", diras la pli maljuna el ili.

"Ridinde", diras O'Connor, iomete raŭka, "mi ne estas la murdinto."

"Nur vi", diras la inspektoro. "Vi ja havis nereguligitan konton kun Dick, se mi ne eraras. Cetere la komisaro deziras kun vi paroli."

Antaŭ la maljuna, gajema sinjoro, O'Connor estas aroga.

"Kiel", li krias, "je la oka ĉi tiu Dick estis murdigita, je la oka? Ha, ha, ha." La ridado ne sonis tre malfalsa. "Ĉu vi scias, kie mi estis en ĉi tiu tempo, sinjoro?"

"En Saint James, mi taksas," diris trankvile la komisaro.

"False, tute false", venkocerte kriis O'Connor, "je ĉi tiu tempo mi sidis en la Sud-ekspreso, kiu veturis de Helena al Saint James!"

"Ĉu vi tion povas pruvi?"

"Kompreneble..." O'Connor montris sian sidlokbileton al la oficisto. Ĉi tiu legis surprizite la bileton kaj metis ĝin antaŭ si sur la tablon.

"Jes, ĉi tiu trajno havas ĝuste korespondon en Saint James." La oficisto estis hezita. "Do vi fakte ne povis esti tie! Ĉu vi povas doni garantiaĵon?"

"Certe," diris O'Connor kaj metis faskon de bankbiletoj sur la tablon. Io jubilis en sia animo. Kie Jane povis nun esti?...La pli juna el la oficistoj estis enirinta kaj diras ion en la orelon de la komisaro. Ĉi tiu ekrigardas.

"Vi havis malbonŝancon, O'Connor", li diras tute trankvile kaj donas signon al la oficisto. "Eble tio estis kalkuleraro. Ruze aranĝite. Sed bedaŭre la Sud-ekspreso mallonge post Hartford elreliĝis. Do vi ne venis per ĝi al Saint James."

O'Connor sentis la malvarmegajn mankatenojn sur siaj artikoj. Finiĝis lia revo ĉe la flanko de la ĉarma Jane, finiĝis lia revo pri la nova vivo kaj la ĝisnuna.

*Trad. de Hugo STEINER*

---

## Diskreta

La servistino Minna estas ruza. Ŝi purigas la fenestrojn, sed nur interne. La dommastrino venas kaj mallaŭdas: "Vi certe estas tro maldiligenta, por purigi la vitrojn ankaŭ de ekstere?"

"Sed ne, sinjorina moŝto!"

La dommastrino demandas: "Kial vi do nur purigis la internan flankon?"

Minna klarigas: "Por ke ni povu elrigardi, sed ne la aliaj enen!"

*Trad. Hugo Steiner*

# Al Niaj Usonaj Samideanoj !



Ne malmultaj el vi certe ricevis la belajn gvidfoliojn de la nova ŝtato Manĉoŭkŭo, eldonitajn de Sudmanĉuria Fervoja Kompanio. Sed eble neniu scias pri iliaj aŭtoroj, ĝuste same kiel oni ĝenerale scias nenion pri la verkintoj de la multaj aliaj turismaj prospektoj. Sed kiam ni konsideras ne malgrandan kontribuon de tiaj modestaj laboroj al nia movado, ni sentas nin ŝuldantaj dankon al tiuj nekonataj laborantoj.

S-ro Taro Kakei, kiun ni nun ĝojas prezenti al vi, estas unu el tiuj anonimaj aŭtoroj de gvidilo. El la tri gvidiloj de la kompanio, nome "Gvidfolio por vojaĝantoj en Manĉoŭkŭo", "Ek al Manĉoŭkŭo", kaj "Kiam alvenas, tiam ekveturas !", li redaktis la unuan, sed lia ĉefa merito ne kuŝas en tio, ke li redaktis unu gvidilon, sed en tio, ke li instigis la estraron de la kompanio eldoni prospektojn en Esperanto. Krome ni devas kalkuli, ke tio estas por la unua fojo en nia lando, eble, en la tuta Azio, ke granda kompanio eldonis sian prospekton kun esperanta teksto, kaj des pli, se ni konsideras, ke la citita fervoja kompanio estas la plej granda entrepreno en Japanujo.

S-ro Kakei estis ordonita de la kompanio transiri al ĝia oficejo en Novjorko. Li veturos al via ŝatata lando per NYK-ŝipo Kamakura-maru, kiu forlasos la havenon Yokohama en la 27-a de novembro kaj alvenos al San Francisco en la 11-a de decembro.

Krom la supre menciita laboro, s-ro Kakei faris multon por nia afero, kiam li estis en sia posteno en Dairen, la mara pordo al Manĉoŭkŭo. Estante membro de literatura grupo de la havenurbo, li konstante propagandis nian lingvon inter tieaj kleruloj. Li posedas krom Esperanto, ankaŭ la anglan, francan, germanan, italan, kaj danan lingvojn.

Ni estas certaj, ke li estas preta meti sin sub la dispono de vi, usonaj samideanoj.

Ni estus tre dankaj, karaj amikoj trans Pacifiko, se vi estus tiel afablaj kaj lin bonvenigus kun varma koro, kaj, se vi volus . . . ekspluati lin por nia komuna utilo.

Redakcio de "La Revuo Orienta"

# Virina Vivo en la Nova Urbo

Mitue YAMAGATA

Mi volas nun informi la japanajn amikinojn iom pri la virina vivo en Manĉoŭkŭo.

Ĉar mi ankoraŭ ne scias pri la vivo en la provincoj, mi devas limigi mian noton nur pri la urba vivo, precipe pri tiu en Ŝinkino, kie mi loĝas.

En Manĉoŭkŭo kunvivas, kiel vi jam bone scias, diversaj gentoj, el kiuj ĉefaj estas la japana kaj manĉura.

Sed en nia urbo ili loĝas principe en apartaj kvartaloj kaj sekve ĝeneralaj virinoj aligentaj ne havas okazon amikiĝi inter si, se ili tion deziras.

En oficejoj, kie laboras multaj virinoj kiel maŝinskribistinoj, oficistinoj k.a., oni ofte trovas manĉurinojn, kiuj gaje laboras inter japaninoj en plena amikeco. Iuj el ili estas tre kleraj kaj mirinde lertaj en la japana lingvo.

La laborantaj virinoj estas bone salajritaj kompare kun tiuj en Japanujo. Sed tre alta prezo de ĉiutagaj necesaĵoj kaj loĝejo ne permesas al ili tiel bonstatan vivtenon.

En Japanujo edziniĝintaj virinoj ordinare ne laboras ekster la hejmo. Sed ĉi tie edzinoj ne malofte havas laboron en oficejo same kiel fraŭlinoj. Mi pensas, ke unu el la kaŭzoj estas manko de laborforto, kaj la alia estas simpleco de ĉiutaga vivo, kiu donas al virinoj liberajn horojn.

Nun ni turnu la rigardon al virinaj societoj. Nune mi povas citi la nomon de Manĉoŭkŭa Virina Asocio de Nacia Defendo. Tute same kiel en Japanujo, ĝi agas tre aktive por plenumi ĉiajn taskojn post la fronto. La membrinoj de la asocio konsistas el diversaj gentoj: japaninoj, manĉurinoj, koreinoj ktp. Karakteriza vidaĵo estas, ke tiuj diversgentaj virinoj vestitaj per blankaj uniformoj kaj insignaj rubandoj respektive sur siaj tradiciaj kostumoj vigle kunlaboras en la komuna tasko.

La alia virina grupo, kiun mi devas mencii, estas Kontinenta Kultura Klubo direktita de s-ino Yuriko Motizuki, fama verkistino. Ĝi estas

societo de intelektaj virinoj por reciproka interamikiĝo kaj sinkulturo. Diversspecaj virinoj—junaj fraŭlinoj, hejmaj mastrinoj kaj laborantaj oficistinoj kunvenas ĉiuĵaŭde kaj pasigas gajajn kaj samtempe utilajn horojn, jen lernante la manĉuran lingvon, jen parolante pri la legitaj libroj impreson aŭ kritikon. La klubo ankaŭ aŭskultas ofte prelegojn de eminentuloj en diversaj kampoj, rigardas filmojn speciale prezentitajn, aŭ por akiri praktikan scion foje vizitas instituciojn, ekspoziciojn ktp.

Nia lando pasigis nur ok jarojn post la fondiĝo. Estas do komprenéble, ke ĝia kulturo estas ankoraŭ nematura kaj malriĉa. Oni povas foje senti dezertan solecon en la animo. Tiam la ekzisto de la Klubo estas signifoplena por virinoj, kiuj havas maloftan ŝancon kontakti kun la ekstera mondo. Kvankam ĝi naskiĝis antaŭ nelonge, ĝi jam akiris rimarkindan sukceson. Ni povas multe atendi por ĝia estonteco.

Nun la Klubo havas ĉirkaŭ cent membrinojn, sed bedaŭrinde mi ne trovas aligentajn virinojn krom japaninoj. Mi esperas, ke en proksima estonteco ĝi akiros multajn aligentajn membrinojn kaj per spirita interkompreniĝo fariĝos fonto de intergenta harmonio.

La Manĉuria Ĵurnalo, kies porvirinan rubrikon redaktas s-ino Motizuki, ofte okazigas piknikon por virinoj. En Manĉoŭkŭo oni avare ĝuas freŝan aeron kaj sunradiojn dum la somero, ĉar en la vintro pro severa malvarmo homoj devas sin enfermi en la domo sub malsanigaj kondiĉoj. Do la aranĝoj estas tute volonte akceptataj kaj ĉiufoje akiras multajn aliĝantojn. La ĵurnalo entreprenas ankaŭ vojaĝojn al proksimaj aŭ malproksimaj urboj por viziti famajn vidindaĵojn.

Por la energia klopodo de s-ino Motizuki, kiu sindone laboras por la fizika kaj morala plibonigo de la virina vivo en tiu ĉi urbo, mi ne ŝparas elkoran respekton.

En la fino ni atentu nian aferon. Kiel vivas esperantistinoj en nia urbo? Mi konas nur du samideaninojn. De nun ni devas plugi kaj semi sur la nova tero. En nia lando la lingva problemo estas vere komplika kaj ĝia ĝusta solvo estas urĝa afero. Por tio nia lingvo devas havi konsiderindan sugestion, mi kredas.

La supre citita Kultura Klubo, kiu nuntempe estas okupita de tro aktualaj temoj, iam turnos okulojn al ideala demando kaj tiam ĝi prezentos taŭgan terenon por nia semado, mi esperas.

# Iom pri Teo

(La fino)

Ĉie IDA
Yukiko MIYAGI

La spirito de Tya-no-yu instruita de Rikyū povas esti esprimata en la kvar vortoj: harmonio, respekteco, pureco kaj trankvileco. Li strikte evitis luksecon kaj malhumilecon. Kiam iu demandis al Rikyū kio estas la sekreto de la teo, la respondo de la majstro estis tre simpla: "Vi metu la karbojn kaj boligu akvon prepari teon por alporti la propran guston. Akceptu gastojn kun varma gastamo. Tio estas ĉio kion vi devas lerni pri la teo. Ekzistas neniu alia sekreto."

Ĝis la tago de Rikyū ne troviĝis skoloj diferencaj unu de la alia inter la temastroj, sed kiam li reguligis detalojn pri Tya-no-yu, lia sistemo fariĝis konata kiel Senke-ryū. La nepo de Rikyū, Sōtan (宗旦) estis tre genia kaj sukcese heredis la grandan instruon de lia avo, kaj metis tion sur plifirman bazon. Du filoj de Sōtan, Sōsa (宗左) kaj Sōsitu (宗室) originis la respektivajn skolojn, nome, *Omote Senke-ryu* kaj *Ura Senke-ryū*. Tiuj ĉi du filoj loĝis en sama konstruaĵo en Kioto. Sōsa, pliaĝa frato' okupis la fronton (*omote*) de la domo, de kio la nomo "**Omote**" *Senke-ryū* devenis, dum Sōsitu prenis la malantaŭan konstruaĵon, kaj oni distingis la lastan skolon de la unua prefiksante la vorton *Ura*, kiu signifas malantaŭan parton. Estis alia frato, Sōsyu (宗守), kiu fondis sian propran skolon, nomata *Musyakōzi-ryu*. *Musyakōzi* estis la nomo de la strato kie li loĝis.

Ieyasu ne estis tiel entuziasma adoranto de Tya-no-yu kiel Hideyosi, sed ankaŭ li donis specialan honoron sur tiu ĉi kulto. En tiu tempo kelkaj ĉefaj skoloj estis starigataj de eminentaj temastroj. Inter ili Kobori Masakazu, *daimyō* (feŭdsinjoro) laŭtitole de la provinco Ensyū kaj fondinto de skolo Ensyū-ryū, estas konsiderata la plej granda kaj influoplena en la frua Tokugawa periodo. Li ankaŭ estis tre kompetenta en arkitekturo, ĝardenkonstruado kaj floraranĝo, kaj plie li tenas plejaltan pozicion en la historio de la japana ceramiko. Du aliaj skoloj, *Sekisyu-ryū* kaj *Unsyū-ryū* —ambaŭ estis fonditaj de feŭdalaj sinjoroj—havis sufiĉe multe da aliĝantoj inter la aristokratoj. Kompreneble estis multaj aliaj skoloj reprezentitaj de diversaj temastroj, sed unu diferencas malmulte de alia

en la esenco, ĉar la fundamentaj ideoj de Tya-no-yu estis en la aplikado de Zen-filozofio al la praktika vivo.

Dum generacioj, de la komenco de la Tokugawa periodo, temastroj senlime kontribuis al la progreso de arto. Ili komplete revoluciigis la klasikan arkitekturon kaj internan ornamon kaj alportis novan stilon, kiu influis eĉ la palacojn kaj monaĥejojn konstruitajn post la 16a jarcento. Preskaŭ ĉiuj famaj ĝardenoj de nia lando estas planitaj de la temastroj, kaj nia ceramiko eble neniam estus atinginta tiel altan nivelon, se la temastroj ne estus donintaj al ĝi ilin inspiron. Ankaŭ ilia granda kontribuo al pentrarto kaj lakaĵfarado estas tute ne forgesebla.

Vere estas tre malfacile trovi iun ajn fakon de arto, en kiu la temastroj lasis neniom da postsignoj de sia genio. Cetere al la ĝenerala vivo de la japanoj ili donis pli grandan influon, kiun ni trovas, ne nur en la modestaj etiketoj de ĉiutaga vivo, sed ankaŭ en la aranĝmaniero de ĉiuj hejmaj detaloj. Ili komencis multajn delikatajn kuiraĵojn kaj tablomanierojn. Ili instruis al ni la propran sintenadon, kun kiu ni alproksimiĝu al floroj, kaj emfazis amon al simpleco kaj natureco. La nekomparebla sentebleco estetika en la japana kulturo multe dependas de la principo de la Teismo.

Deposte, kiam Japanujo forĵetis sian politikon de izoleco antaŭ pli ol sepdek jaroj, ambaŭ la registaro kaj la publiko estis tiel okupitaj por enkonduki okcidentajn modojn kaj manierojn, ke nia propra kultura heredaĵo estis komplete neglektata dum iom da tempo. Tial estis nature ke estetika kulto kiel Tya-no-yu devis resti senalloga en tiu ĉi transira epoko. Sed poste la kondiĉoj ŝanĝiĝis rimarkeble. Dum la kulturoj de okcidentaj landoj estas disvastigitaj nuntempe pli larĝe kaj pli profunde, la japana kulturo—inkluzive de Tya-no-yu—komenciĝis esti akceptata kun pli granda intereso.

Lastatempe multaj personoj inklinas lerni Tya-no-yu. Sed ankoraŭ tiuj, kiuj ne estas familialaj al Tya-no-yu, konsideras ĝin kiel formalismon, tamen tio estas miskoncepto. Ĉu oni estas lerta aŭ ne en Tya-no-yu, ĉu oni posedas trezorajn ilojn por teo aŭ ne—tio tute ne gravas. Tya-no-yu estas arto, vera arto. Per tio oni povas akiri belecon kaj harmonion ĝuste en la ago socia de gastigado.

---

**Korekto** 485 p. 23 l.: Anstataŭ "Dengyō Daisi, Kōbō Daisi kaj Saityō" legu "Dengyō Daisi (Saityō) kaj Kōbō Daisi."

## 川崎直一

# 世界語=日本語=エスペラント

加茂正一,「外來語について」, 國語協會, 1939 とゆう面白い本がある。その口繪に「外來語原產地圖」があり,「われわれが英語と思つて使つて居る外來語の中で, 實は本來の英語でなく, 世界の各地方から, 英語に流れ込んで居たのが, 日本に舶來されたのも多い。次の諸例は, 世界の何處の方面から, 英語に流れ込んだかを示す」とて實例があがつている。

この實例のなかから, すなわちほとんど世界共通に用いられている單語で日本語になつているものを, Esperanto ではどうしているかを考えてみたい。もちろんいまは Esperanto の語原學を說こうとしているのでもないし, また日本語內の外來語の傳來經路を調べようともしていない, さらにいわゆる世界語 mondvorto には加茂さんがここにとりあつかつていられない場合, すなわち英語が世界語になつたもの, 例えば filmo とか, trusto とかがあり, また日本語にはいつていないもの, 例えばハンガリー語起原の husaro 輕騎兵なんてのもあるし, 日本語やシナ語から mondvorto になつた harakiri, teo もある。だが, いまは加茂さんのあげられた實例の範圍で「世界語=日本語=エスペラント」を問題とする。普通に Esperanto で用いられているのはそのままだし, Esperanto にないもの, また說明を必要とするものだけ說明を加えた。

1（ロシヤから） samovaro, mamuto, bolŝeviko, soveto.

2（スカンディナヴィアから）（クラブ）は人の集りの場合だけ klubo で, ゴルフなんかのときは klabo, カルタのは trefo,（ギャング）は bando ですまされている。skio.

3（ポーランドから） polko, mazurko.

4（ドイツから） nikelo, valso.

5（オランダから） jakto, gaso,（スケート）は glitkuri が普通だが, patini を試みてる人もある(Long), Parnasa Gvidlibro には skato=glitŝuo があるが, ほとんど用いられない,（スナップ）は momentfotografado, momentkapto と岡本和エスにある, vagono, skizo.

6（フランスから） kamufli,（マチネー）は tagprezentado, posttagmeza prezentado でも意味はあらわせるが, 岡本和エスにも採用しているように matineo が便利,（ルージュ）も ruĝigilo はあまりに一般的すぎるから, 最近使われだしている ruĵo がよい。

7（ケルトから）（バッグ）は sako か valizo,（ボール）は balo は舞踏會にかぎり, その他は pilko, kuglo, bulo である, ただし basbalo, lifto, flanelo, viskio,（スローガン）は岡本和エスでは signalvorto, agitvorto, lozungo, dezivo.

8（ラテン語から） bacilo, bonuso, minuso.

9（イタリヤから） aldo, balkono, opero, influenco, makaronio.

10（スペインから） cigaro, negro, kanario, kastanjeto, korko.

11（ポルトガルから）（タンク）tanko は戦車の場合のみ，他は akvujo, gasujo など，jonko, verando.

12（エジプトから） leono, vazo,（ジプシー）は cigano, papero.

13（西アフリカから） ĉimpanzo, gorilo, banano.

14（ヘブライから） amen, haleluja, satano, cidro（ただし日本のサイダーは名前をとつただけで，内容は異なるが），jaketo および ĵaketo.

15（トルコから） kafo.

16（アラビヤから） alkoholー,（ゼロ）は nulo, mohajro, ŝorbeto,（カタン）糸は kotonfadeno, masko, raketo, sofo,（マガヂン）雑誌には magazeno は用いられない，倉庫，店である，siropo.

17（ペルシャから） bazaro, ŝalo, ŝako, oranĝo, pijamo, karavano.

18（インドから）（シャンプー）は ŝampui を使うべきである，indigo, ĝangalo,（クリムソン）は karmezino,（キャンディ）はお菓子のときは bombono, sukeraĵo であり，氷砂糖のときは kando, safiro.

19（マレーから）（ギンガム）すなわち縞綿布は Esperanto の辭書にはまだとりあつかわれていないが，gingamo でよい，（ケチャップ）は岡本和エスでは Edinburgh, Pocket Dict. の agrika saŭco をとつているが，keĉupo とでもしたほうが使いやすい，limono, orangutango.

20（東印度諸島から） poloo, kakio, kalikoto,（バンガロー）は Long は bangalo を proponi している。

21（オーストラリヤから） kanguruo.

22（アメリカインディアンから） kanoto, 植物 hikorio は Long にあり，（スカンク）は mefito, hamako, kanibalo,

23（メキシコから） kakao, ĉokolado, tomato.

24（ハイティから）（ポテト）はジヤガイモは terpomo で，甘藷は batato, tabako.

25（南米から） mahagono, kinino, tapioko.

☆

# シェークスピヤとザメンホフ

## ——時代と個人——

Jespersen, Growth and Structure of English Language（英語の成長と構造）を讀んでいると

「Shakespeare には Bible, Holy Ghost, Trinity は一回もでてこない。また當時使われていた單語で彼によつて使われなかつたのは blunder, decency, delicacy, disappear, energy, enthusiasm, existence, elegant, expression, gleam, genius など‥‥」とある。Shakespeare の使つた單語は 21,000 にのぼり，ホーマーの兩詩篇の 9,000, 英語欽定譯聖書の 6,568 を

はるかにぬくものといわれている。Shakespeare の扱つた題材は社會の萬般にわたつていて，常識の寶庫，人情の教材とされている。しかるにこの彼とても使わない單語があつた。なぜであろうか？彼が使うことを特別に欲しなかつたものがあつたかどうか私は知らないが，題材からくる原因で，ついにあらわれる機會のなかつたものもおそらくはあるのではなかろうか？

さてわれらの Esperanto と Zamenhof の關係である。

Shakespeare ほど Zamenhof の言語使用の範圍は廣かつたであろうか？

Shakespeare の言葉對 16, 17 世紀英語にくらべて Zamenhof の言葉對 Zamenhof が働いた 1887 年より 1917 年までの 30 年間の Esperanto はどうであつたろうか？

現代英語を研究するうえに Shakespeare はどれだけの位置を占めているか？にくらべて Zamenhof は彼の死後 22 年の現代 Esperanto の研究にどれだけ役にたつか？言いかえれば Zamenhof 死後 22 年 Esperanto はどれだけ發達したろうか？

以上の數々の質問に對する概論的な答は誰にでもすぐできる。我々が Zamenhof 學者より，あるいは Zamenhof のみが研究の對象でないとする Esperanto 學者から承りたいのは一々の具體的實例である。

私がいま浮んだ思いつき二つ。

Shakespeare と Zamenhof と異なるところの一つは，Zamenhof は言葉の iniciatinto であつたためでもあるが，vortaroj をつくつていること。だから彼は單語を alfabete に考えたこともあるわけ。

Wüster, Enciklopedia Vortaro をパラパラくつてみて偶然 konscii のところをみる。この本の特徴の一つであるが，そこには derivaĵoj や kunmetaĵoj がずらりとならんでいて，Zamenhof が使つたことのあるものはちやんとしるしがしてある。そのしるしのないもののうちに klaskonscia がある。

☆

# 類概念・種概念

單語は一つ一つバラバラに覺えていただけではそれらを文章中に適當に動員することはできない。單語と單語との間の種々の關係を呑みこんでいねばならない。この關係の中の一つとして類概念・種概念は重要なものである。

生物學では類・種は分類學上つねに一定の地位をもつ固定的なものであるが，論理學で說く類概念 genro, 種概念 speco はそうではない。つぎの表は中桐確太郎「論理學綱」にあるものを簡單にしたのであるが，いずれも上のものは下のものの類概念で，下のものは上のものの種概念である。

すなわち生物は植物と動物の類概念で植物と動物は生物の種概念であり，さら

生物
植物　　　　動物
木　草　魚　鳥
梅 松 芒 菊　鯉 鯛 鴨 鶴

に植物は草と木の類概念である。

Prefikso と sufikso の類概念が afikso であること，lingvo の種概念に idiomo, dialekto, ĵargono, slango ... などあることを考えることである。

これは名詞だけにかぎらない。Inhali の類概念は enspiri であり，kolora の種概念は blanka, nigra ... である。

Senta—sentimenta—sentimentala がどう異なるかの問題の一つの解決はこれを類概念・種概念によつて考えることによつて達せられる。

このようにしてゆけば，次第次第に自分の單語知識が整理され，組織されてゆく。

## 切抜帳から

『私が汽車に乘り客室を，一つ選んで座つて居ると，30 歳位の青年が私の室に入つて向い合つて座つた。沈默が數分過ぎて私の方で先に挨拶をかわした。彼は英語を知らないし，私はポーランド語を知らないから手眞似やら顔の表情等で意志を表わそうとしても，なかなかだつた。勿論彼がワルソーへ行くこと，私が朝鮮から來た旅人で，西歐の見物に行くことと，そしてお互に姓名のようなものは固有名詞と若干の表情で知つたけれども，それ以上の談話は不可能だつた。彼は俄に『エスペラント？』と言つた。彼はエスペラント？出來るから私も出來るかと言う様子であつたが，私はエスペラントが通じないことを嘆きながらお互に笑うだけだつた。

私は『あゝエスペラント創案者がポーランド人であるザメンホフ博士だつたなあ』と思い，この熱烈なエスペラント黨を通じてポーランド語とエスペラント關係を知ろうと，色々な方法を考慮して居た。其の時，我々の室に救援の女神が表われた。其れはポーランドの新女性だつた。彼女は拙いけれども英語で意志が通じた。其の女人が通譯官になつて，エスペラント學徒である彼の青年と私との間に凡ての外交と研究とを通じさせてくれた。私が青年に質問したのはポーランドに於けるエスペラントの現狀と其の創設者ザメンホフ博士の古家訪問計畫，そしてポーランド語に對する常識（字母，發音，數詞，有用單語等），それからポーランド文學と現文壇に關することだつたが，彼は絕對的にエスペラント主義者であるから，ポーランドのエスペラントの將來を有望視してエスペラント文學機關誌まで鞄の中から出して見せながら其の作家と作品について又記載された人物寫眞まで說明してくれた。

「朝鮮日報」9 月 10 日學藝欄所載
「**ポーランドの印象　鄭寅燮**」から
・高允鎭譯・

◇

大川（周明）氏は同じ（東亞經濟）調査局にゐた藤澤親雄氏がエスペランチストなることを知り一夕知友を會して藤澤氏を聘しエスペラントの話を聞いた。この集りに何（盛三）氏もゐた。これが後年同氏が熱心なエスペランチストとなり後藤（新平）氏等をも惹きつけるに到つた端緒だ。同じくこの席上に北一輝氏もゐた。これがその後同氏の「日本改造案」にエスペラント採用が書かれるに到つた因緣だ

「協和」250 號「**滿鐵とエスペラント　宮崎巖**」から

# 普通試驗成績講評

## ――9月24日・札幌で施行――

### エス文和譯

エス文和譯の答案 15 通を見たが，滿點が7通もあり，殆んど滿點に近いものが4通もあつたのですつかり嬉しくなつた。2通だけは甚だしく不充分な答案で，その方々にはもうひとふんばり勉強していたゞかねばならぬと思う。

問題の注意書に「譯文はなるべく日本語らしい文體にすること」とあつたが，その點ではもう少し工夫を要すると思われたのもあつた。譯するときは先ず文法的に正確に意味をとらえ，全文の意味を完全にのみ込んでから，それを日本語で再表現すればよいのである。逆に日本文をエス文に直すときでも同じことで，日本文の意味を全體的によくのみ込んでから，それをエス語で再表現することが望ましい。エス文和譯の上手下手は結局，譯文が完全な日本文になりきつておるかどうかできまると云える。こんどの問題は何れも短文であるが，短文の譯から，だんだん長文へと進むに從つていよいよ上に述べた點に注意を要すると思う。

**問題と答へ**

1. Li estas bona pafanto.
彼は上手な射手です。

2. Ĉu vi jam trovis vian tranĉilon?
もう君はナイフを見付けましたか。

3. Se li petus min, mi dirus al li la veron.
彼が頼むなら，實際のことを言つてやるのだが(頼まないから言わない)。

4. Ŝi venu, kaj mi pardonos al ŝi.
彼女をよこしなさい，ゆるしてあげるから。

5. Li estas tiel dika, ke li ne povas trairi tra la malvasta pordo.
彼はあまり太つているので，狹い戸口は通れないくらいだ。

川原次吉郎

### 和文エス譯

1. 北海道の都市では札幌が一番大きい。

El la urboj en Hokkaido Sapporo estas la plej granda.

受驗者の身邊に密接な問題である爲か殆ど完全な答が半分であつた。然し最上級が出來ていないのがあつたのは遺憾

2. 本島は人口四百萬ある。

Tiu ĉi insulo havas kvar milionojn da loĝantoj.

これも文通などで最も普通な文章である。然るに非常に出來が惡かつた。特に「四百萬」と云う數が全滅である。

miliono 百萬は名詞語尾 -o を有する立派な名詞である事を辨えたのが一つも無かつた。複數語尾 -j を折角付けながら目的格を忘れ，又反對に -j なしで -n だけのもの，全然ないもの等是等はまだ良い方であつた。

kvarcent mil, kvardek miliono, kvarcent miliono 等々と云う有様。

數量關係の前置詞 da の用法も心細い。

極言すれば數え方さへ出來ぬ様では其の言語を習つたとは云ひ得ぬ位であるから，學習者は勿論の事，初等講習の指導に當る方々も充分念を入れて頂きたいものである。

其他北海道(我國全體もそうであるが)に居ながら，insulo が出來なかつた人，他の部分が相當に出來ているのに popolo(j) を使つた人が數人づゝあつた。

尙案內記などで，「本島」と云うのが何回も出て來る時は勿論 la insulo の方が結構。

3. もう雨は降つていません，日が照つています。

Jam ne pluvas; la suno brilas.

二つの文章間を；で區切つたのは一つも無かつた。，だけ，或は，kaj が大部分。これも指導者の問題であろう。

普通 Esp. では suno に大文字 S を用いない。

l と r との混同が此處だけでなく方々にあるのは甚だ淺念：pruvas, plubas; bliras, briras 等。又チェッコ語の綴のように母音の殆どない prvas まである。

雨を raino, 照つているを shino と書いた方は餘程注意を要する。

4. 馬に水を飼いなさい，水をほしがつているから。

Donu al la ĉevalo akvon, ĉar ĝi volas trinki.

接續詞 ĉar を使わずに，馬を受けて kiu を，水を受けて kion を用いた方があつたが，これ等は考え過ぎである。

水に對して l' akvo も同斷で，そこまで力が餘つているなら，もつと Esp. の本筋の勉强を望みたい。

5. お父さんには鉛筆を青いのと赤いのと，お母さんには帖面を頂きました。

De la patro mi ricevis bluan kaj ruĝan krajonojn, kaj de la patrino mi ricevis kajeron.

大抵は出來ていたが，「頂きました」の主語が略されているのに迷つた方があつたようだ。日本語は元來主語をくどくどしく述べ立てない。殊に第一人稱の場合は一層である。

此の點にとらわれた爲か受身の文にして，益々困難に陷つた傾向があるのは遺憾である。

その外に，形容詞に -n，複數に -j の脱落がまだある。

「帖面」に對して skriblibro, memora libro, noto 等苦心慘膽，講習などで最も手近にあるこの kajero なる單語がこの態たらくである。就中 noto に至つては所謂我國の「英語」なるものゝ流す害毒の最たるもの。note-book なるイギリス語は「英語」にないと見える。

6. 世人曰く，正義はついに勝つと。

Oni diras, ke la justeco fine venkas.

一番と共に最も出來の良かつた問題であつた。(尤も全然駄目なのが二三あつたが) これで見ると受驗者諸君の力は相當なものである筈だが……。

7. 學生諸君，すべからく常に大望を持て。

Studentoj, estu ĉiam ambiciaj!

此の句は時の札幌農學校雇敎師クラークが別れを惜む見送の學生に與えた有名な辭である。然るに出來そうな人まで出來ていない。以つて現今の語學なんか如何によい加減なものであるかを知るべきである。

このような文章は所謂命令法と云う種類である。而して二人稱の場合は一般に代名詞を入れないのであるが，大部分が濫用している。こまつたものである。

ambicia と云う單語は知らなくても，こう云う初等文法の骨組となる大切な事を辨えぬとなると之は問題である。

8. 口頭試驗がすんだら，家へ歸つてよろしい。

Kiam vi finos la buŝan ekzamenon, vi povos iri hejmen.

「家へ歸る」に reveni を使つたのが大部分であつた。自宅の人又は自分が「夕方には家へ歸ります。」と云う樣な場合は reveni でよいが，この場合のように自分の家以外の所を話の據り所として云う時には iri である (reveni ĉi tien「此處へ戾つて來る」と云うような場合こそ re- 復歸の接頭辭を付ける意義がある)。

fini は他動詞であるから，ekzameno を主語にすれば finiĝos と自動詞化する必要がある。これを混同した人が多い。

buŝa ekzameno に對して筆記試驗は勿論 skriba ekzameno である。此文では Fininte 或は Post を使つてもよい。

これを要するに，如何に Esp. が學び易いとは云え，今少し愼重にしつかりと習う必要があるのではなかろうか。そし

て，それが爲には教科書中の作文の反復練習と簡單ではあるが基礎的な課題の練習が是非重んぜられねばならぬ。最近の賣らんが爲の一般語學學習書に見るような學習者を甘やかす式の指導は誠に寒心すべきである。

如何に初等とは云え數のかぞえ方が出來なかつたり，複數形，目的格等が（殊に筆答で）出來なかつたりは論外である。

尙その割に構文のひねくれたのが多いのには驚かされる次第である。其の原因は何か歐洲語を習つた事のある爲か，或は一時流行した「原文忠實譯」の弊害か。兎に角，もつと素直な Esp. 文（先ずザ博士 Ekzercaro を見よ）になれる事が最も必要ではなかろうか。

合格者も一層自己の力を研かれん事を希う意味に於て，敢て酷評を加うる所以，御容赦を乞う。　**進藤靜太郎**

## 口答試驗

第7回北海道大會に初等檢定試驗が施行されたが，この委員として來札される筈であつた進藤氏缺席の爲，學會より高瀨先生と不肖に臨時試驗委員を委囑された。まだエス語の研究も淺く到底其の任に堪えずと考えたが，時日も切迫して居りお斷りする暇もないので，仕方なくお受けしたものの，受驗者諸君の方が小生よりも lerta でもあり，中には先輩も居られる事でもあるので內心受驗者以上に不安を感じた。

1. Sidiĝu, sinjoro (*aŭ* sinjorino, fraŭlino).

これは問題らしくないので回答されない人が多かつた。

2. Montru al mi vian karton.

默つて受驗票を出した人が大部あつたが，1 と同樣その態度に依つて問題を理解したと見られる以上若干の點をつけておいた。

3. Kia estas via nomo?

大方正解であつた。

4. De kiu urbo (*aŭ* vilaĝo, provinco) vi venis?

En kiu strato vi loĝas? (*Al Sapporoanoj*).

地方の人は大體よかつたが札幌の人は一寸まごついたやうであつた。これは當市には何々通りとゆうものが少ないせいであろう。

5. Kiam vi alvenis al tiu ĉi urbo?

Kiam vi vekiĝis hodiaŭ matene? (*Al Sapporoanoj*).

時間の關係の說明がすらすらと出ないようであつた。

6. Kion vi vidas sur la tablo? (*Libro kaj krajono*).

手近に薄い本がなかつたのでレコードの型錄を置いた處それにこだわつて，色々な言方（例えば katalogo, Diskolibro）など勿論，正解としておいた。

7. Ĉu la krajono estas longa? (*longa*).

8. Ĉu la libro estas dika? (*maldika*).

問題が簡單なだけ間違つた人は少ないようである。

9. Ĉu vi legis multe da esperantaj libroj?

事實にこだわつて考えて居た人があつたが，要は會話の試驗であるから，すらすらと明快に返答された方がよいと思う。

10. Diru al mi, sinjoro, kiun daton ni havas hodiaŭ?

Dato とゆう言葉を感違いして考え込んだり間違つた答をされた人があつた。又數詞を言いなれない人もあり，月の名前を間違つた人があつた。

今回の試驗は高等試驗受驗資格を得る爲に身を低うして受驗された方が多いので概して文法は間違いなかつたようであるが中央のエスペランチストに比較して發音が洗練されて居ないのは止むを得ないと考える。以上今後受驗される方の御參考になる處があれば幸いである。　**相澤治雄**

# LA REVUO ORIENTA

LA XX-A JARO

**1939**

JAPANA ESPERANTO-INSTITUTO

TOKIO

# エスペラント　第七年　總目次

**婦人欄**



**運　動**

雜



報　道



扉



表　紙



（原田三馬作製）

伊藤己酉三

# 和文エス譯研究會

12

指導者　A 氏
會　員　B, C, D, E, F の諸氏

A: この會も今日で 12 回目, 丁度一年經つたわけです。段々に問題が難しくなりましたが, それだけ皆さん上達されたので喜ばしいことです。今日は一年の總決算の積りで充分お考え下さつてお譯し下さるよう願います。

問題 A は

**今週第 1 回の重慶爆擊は月曜の夜行われ, 無數の爆彈が同市內外の軍事施設上に雨と降つて可成の損害を與えた。**

です。手頃の問題でしよう。單語も特に擧げる程のものはありません。「施設」は種々譯がありそうですが。

B: ekipaĵo がよいと思います。

C: 私は institucio 卽ち施設物が適當と思います。

E: instalaĵo は如何ですか。

A: この軍事施設は高射砲陣地とか, 砲壘とかの施設物ですが, ekipaĵo は或物が働くに必要な裝備一切を指すので, 船ならば艤裝, 兵隊なら武裝です。卽ち種々の施設が集つて ekipaĵo になるのです。institucio は學校, 病院, 會館等種々の組織を云うのです。後に殘るのが instalaĵo で, これが適當と思います。しかし, 軍官學校とか軍司令部のようなものなら institucio でよいでしよう。

それから「可成の」は如何ですか。

C: sufiĉa がよさそうです。

F: 私も sufiĉa です。

D: sufiĉa だけでは物足りないようですから sufiĉe granda としたら如何でしよう。

A: どうも sufiĉa は「必要なだけの」ですから「可成り」以上になるようですね。此處は konsiderinda が一番よいでしよう。

次の「損害」は何がよいでしようか。

E: domaĝo か difekto がよいと思います。

B: perdo も使えそうですね。

A: どれでも使えますが, perdo は損得の損によく, この場合は domaĝo か difekto がよろしい。

では早速作文して頂きます。重慶は新撰和エスにあります。

La unua bombardo al Ĉungking tiun ĉi semajnon, okazis lunde nokte, kaj same al pluvo, falis sennombraj da bombo sur primilitajn instalaĵojn en kaj ekster samurbo, kien suferigis konsiderinda domaĝo.

少し缺點がありますがお氣付の點は?

E: sennombraj da の da は不要です。sennombraj bomboj とすればよいでしよう。samurbo は變ですね。

B: kien suferigis はどうもおかしいようですが。

A: samurbo は同市の直譯です。la urbo で澤山です。最初から申しますと, al は sur 又は de でもよろしい。same al は same kiel pluvo が普通で bombo の後へ置いた方がよいでしよう。semajnon の次の , は要りません。primilitajn は militajn で充分です。kien suferigis は kiujn suferigis としたらよいでしよう。kiuj は militaj instalaĵoj です。

次の譯は

En lunda nokto Ĉungking spertis la unuan bombardegon de tiu ĉi semajno kaj multegaj bomboj pluvantaj sur la ĉefurbo donis pezan domaĝon al la militaj instalaĵoj kuŝiĝantaj en kaj ekster la urbo.

大體よく出來ています。sperti を使つてあるのなんか一寸出來ないことですが，二個所訂正を要します。

D: pluvantaj を pluvintaj に kuŝiĝantaj を kuŝantaj とすることですね。

A: そうです。降つた爆彈ですから pluvintaj で，sur la ĉefurbon と目的格を使つた方がよろしい。kuŝiĝi は横たわる動作を示すので此處では kuŝi と狀態を示す語でなければなりません。

次は

La unuafoja bombardo al Ĉungking en tiu ĉi semajno estis farita en la lunda nokto. Pluvo da sennombraj bomboj falis sur militaj instalaĵoj en aŭ ekster la urbo, kaj tio donis konsiderindan difekton sur ĝi.

これも大體よいようですが多少直した方がよさそうです。

B: unuafoja を unua とし，en aŭ を en kaj とすればよいと思います。

A: unuafoja でも惡くはありませんが unua で足ります。militajn instalaĵojn と目的格とし konsiderindajn difektojn と複數にした方がよろしい。又 sur ĝi は al ĝi ですね。

本題はこの位でよいでしよう。

La unua bombardo de Ĉungking dum ĉi tiu semajno okazis nokte en lundo kaj rezultis, ke sennombraj bomboj pluvis sur militajn instalaĵojn en kaj ekster la urbo kaj donis konsiderindajn domaĝojn.

La unua bombardo sur Ĉungking en ĉi tiu semajno okazis lunde nokte, kaj sennombraj bomboj pluve falis sur militajn instalaĵojn en kaj ekster la urbo kaŭzante konsiderindajn difektojn al ili.

こんな譯が無難でしよう。

問題 B は

**今から考えれば不思議なくらいだが，當時の人は本氣でそう考えていた。**

です。何の事か前後がありませんのでわかりませんが，兎に角昔の文明の低い時代の事に違いありません。例えば昔は寫眞を撮られると命が寫眞に取られる等と考えられていたものです。今の人から考えると何故そんな事を考えたのか不思議に思われるとゆうわけです。

「**不思議**」はどう譯しますか。

C: nekomprenebla 卽ち不可解としてもよいと思います。

F: stranga ではいけませんか。

B: mirinda では

A: この場合の不思議はどれでも意味は通ります。しかし不思議なくらいとありますので nekomprenebla はちとまずいようです。stranga は奇妙なで之もピッタリしない感じがします。結局 mirinda が適當なようです。

「**くらい**」は譯し難いかも知れませんが，どうしますか。

D: preskaŭ は如何でしよう。

A: 不思議を nekredebla とすれば preskaŭ nekredebla でよろしいでしよう。

B: eĉ はどんなものでしよう。

A: eĉ mirinda がよいですね。

F: prefere は。

A: preferi は或物を他の物よりも好むことですから，prefere は「それよりも」の意味になります。

次の「**本氣で**」は。

C: serioze でしようね。

F: sobre を使つてはいけませんか。

A: sobra は醉つていない卽ち素面の意味です。本題は直譯ではいけないんで，「今から考えると不思議なくらいだが」は或程度の意譯が必要と思います。そのお積りで作文して下さい。

Nun al ni ŝajnas eĉ mirinde, ke tiamaj homoj serioze kredis tion.

簡潔な點はよろしいが，原文とは少し言方が違います。

